# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

24/09/2012 Sepdeksesa Eldono 2012 24/09/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby



## AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION

TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj.

Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



## pri "AUSTRALIA FELIX" de Trevor Steele

Jen nova filmeto pri unu el la libroj de Trevor Steele sur la blogo de iu Paulo.

http://blogdopaulosergioviana.blogspot.com.au/2012/09/australia-felix.html

Amike, Nicole

## GRAVAJ EVENTOJ informis Max Wearing

La AEA Jarkongreso okazos en Brisbano 28a de septembro ĝis 1a de oktobro, 2012.

Ĉu Speciala Reunuiĝa Kongreso de AEA okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 11 ĝis 13 januaro, 2013?

Ĉu AEA-Somerkursaro okazos en Sidnejo (aŭ Adelajdo) 14 ĝis 28 januaro, 2013?

Ĉu la Vintro-Evento de Gordon Coleman en Adelajdo kaj apuda Sheidow Pk Ŝtat-lernejo okazos ekde 7 ĝis 10 junio 2013 (dum la Adelaide Cabaret Festival)?



**KLUBNOVAĴO** Esperanto domo dimanĉo 23 Sept 2012 Venis 14 homoj al nia monata kunveno Bonegaj Filmoj, Manĝo, Parolo de Marc.



**Dmitry Oleg Roger Colin Riĉardo Kiah Rebeca Hanna Marc**
(Matthew mankas) **Mei Volo Margaret Nicole**

La 23an de septembro okazis "meetup" kunveno en Sidnejo. 14 personoj venis.
La plej interesa persono estis J Marc Schmidt (Marko). Marko estas 39 jara Sidnejano kiu nun loĝas en Japanio. Li estas instruisto.
Kiel knabo li ŝatis legi la aventurojn de Tinĉjo. En unu el tiuj libroj li vidis liston de ĉiuj lingvoj al kiuj Tinĉjo estas tradukita kaj kiam li vidis la vorton "Esperanto" li scivolemis kaj informiĝis pri tiu lingvo.
Tamen Marko komencis lerni Esperanton nur antaŭ 3 jaroj. Pro Tinĉjo li ekŝatis bildstriajn rakontojn kaj provis mem verki bildstriojn.
En 2004 lia unua libro kun bildstrioj estis eldonita. La libro estas en la angla, sed sur unu el la bildoj li skribis la vorton "amikino" kvankam li ankoraŭ ne estis Esperantisto.
Post lernado de Esperanto Marko decidis traduki sian libron al Esperanto. Pluraj japanaj esperantistoj helpis provlegi la libron kaj en junio 2012 la loka Esperanto-klubo de Kioto eldonis la libron.
Jam triono de la libroj estas venditaj.
La titolo de la libro estas **Rakonto de ovoj.** Hodiaŭ Marko do parolis pri siaj libroj kaj ankaŭ iom pri Japanio. Tre interesa tago.
Raportis Nicole

# LA AEA-JARKONGRESO 2012

AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**





AEA total assets 30 Jun 12 **$200,281.87c**

Sep jara elspezo **2005/12** **$121,600**

## Egalas ĉu $241,600 aŭ pli? uzita de AEA dum 7 jaroj

**Prezidantoj Igor Couto kaj Dianne Lukes estris tiun periodon**

**La kasisto ne venos! Kiu respondos al demandoj? Ĉu ŝia patrino?**

Ĉu leĝaj plenaj detalaj kontoj de tiu periodo ekzistas?

## La AEA kongreso ne estas ferio.



Estas kunveno kie la anoj renkontas la estraranojn, kritikas, sugestas, planas la progreson de AEA. Tie la membroj juĝas la estrajn agojn de la Estraro.

## HAZEL GREEN PRI PAROLADO DUM AEA-KONGRESO

Karaj kongresontoj Kiel vi vidas en la programo, Paul kaj mi gvidos komunan paroladon pri alilandaj Esperantaj eventoj kiel universalaj kongresoj, sabatmatene.

Por enkonduki, ni iom parolos pri diversaj eblaj spertoj dum kongresoj, kun eventuala helpo de bildoj. Mi scias, ke vi ĉiuj jam havis la plezuron ĉeesti internaciajn Esperantajn kongresojn, do eble vi povos, espereble eĉ volos, kontribui al la diskuto, por helpi ĉiujn kompreni kiel mirinda estas la sperto esti parto de internacia kongreso.

Mi ne necese petas, ke vi preparu ion ajn sed nur avertas, ke eble vi volos pensi pri viaj spertoj. En la ĉambro estos aparato, kaj mi esperas, ke oni havos la eblecon montri ion se ĝi estos en USB-

stangeto, do kunportu fotojn se vi volos (sed laŭ mi s-ro Murphy ofte regas aparaton).

Sandor, mi scias, ke vi jam havas tro por fari, sed mi opinias, ke ĉiu volas aŭdi iom pri la ĉijara UK en Vjetnamujo.

Se vi scias pri iu ajn kiu alvenos, esperantumis en eksterlanda evento, kaj ne estas en la supra listo, bonvolu plusendi ĉi tiun mesaĝon.

Koran dankon, amike, Hazel kaj Paul

PS Estus bone, se iu povos riveli la sekretojn pri TEJO-kongreso. Ĉi iu el vi iam ĉeestis?

## ESPERANTO-FERIO? laŭ via volo

ĉe Esperanto Domo dum unu semajno dum januaro,

Ni donacos semajnan vojaĝbileton ĉirkaŭ Sidnejo.

Sed ni bezonas 10 partoprenantojn antaŭ ol ni aranĝos la ferion.

Skribu al rspring@tpg.com.au

# Feliĉan Vojaĝon al Brisbano

## THE ENGLISH SECTION

J Marc Schmidt is interviewed re his comic books.

Jen Marko diras kelkajn vortojn en Esperanto en la Melburna festivalo por verkistoj.

http://www.youtube.com/watch?v=dahCNCLE7F8 Amike,Nicole